3.ª Epoko * N.º 87 : Aŭgusto * 1924 :

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Regularo de Iberia Esperantista Konfederacio aprobita de la 2.ª Kongreso en Bilbao

I

Iberia Esperantista Konfederacio celas:

1.ᵉ Kunigi Iberiajn Federaciojn kaj starigi oficialigon de *Esperanto en Iberio.*

2.ᵉ Interrilatiĝi kun la Internaciaj institucioj kaj laŭ eble kelpi ilin por Esperanto.

3.ᵉ Kunhelpi la propagandon de Esperanto precipe en Iberio. Ĉefa perilo por tio estas nuntempe la publikigo de presorgano de la Konfederacio al kiu ĝi dediĉos preskaŭ ĉiujn siajn fortojn.

La organo estos monata kaj la nombro de ĝiaj paĝoj estos en harmanio kun la enspezoj de la Konfederacio. Oni redaktos ĝin Esperante pri kiu ajn temo, sed ĉiam evitante tion, kio povas naski polemikojn aŭ vundi ies sentojn.

## II.º Congreso Esperantista Ibérico

### Reglamento de la Confederación Esperantista Ibérica, aprobado por el II.º Congreso en Bilbao

I

La Confederación Esperantista Ibérica tiene por objeto:

1.º Reunir las Federaciones Ibéricas y establecer la oficialidad del «Esperanto en Iberia».

2.º Relacionarse con las instituciones internacionales y ayudarles en lo posible para el Esperanto.

3.º Ayudar a la propagación del Esperanto, principalmente en Iberia. Actualmente el medio más principal para esto es la publicación de un periódico, órgano de la Confederación, la cual debe dedicarle casi todas sus fuerzas.

Este órgano será mensual y el número de sus páginas estará en armonía con los ingresos de la Confederación. Será redactado en Esperanto, sobre cualquier tema, pero evitando siempre todo aquello que pueda engendrar polémicas o herir sentimientos.

En la loko de ĝia eldonado devas esti la Redakcio, konsistanta el tri membroj elektitaj de la Konfederacia Komitato. Ĉiu federacio povos kaj devos en ĝin kunlabori per sendado de manuskriptoj jam revizitaj de kompetenta samideano, difinita de la Federacio. La artikoloj estos necese maŝinskribitaj.

La gazeto povas enpresigi artikolojn de privataj personoj, se la redakcio juĝas ilin publikigindaj.

II

Estos membroj de I. E. K. nur tiuj de la regionaj esperantistaj federacioj, tial do, esperantisto povos aparteni al I. E. K. aniĝante al Federacio de sia Regiono.

Por formado de federacio estas necese almenaŭ la kuniĝo de du grupoj.

Grupon formos minimume dek anoj.

Oni konsideros membro de grupo, tiun, kiu pagis almenaŭ tri kotizaĵojn sinsekve.

La grupoj komunikos al siaj respektivaj federacioj la movadon kaj statistikon de siaj membroj, kaj siavice la Federacio transsendos tiujn dokumentojn al la Konfederacio.

III

La ekzistantaj Federacioj estas jenaj:

1, Andaluza Federacio: Konsistanta el ĉiuj andaluzaj provincoj kaj laŭ eble el la Kanariaj insuloj.

2, Aragona Federacio: el la provincoj Zaragozo, Huesca kaj Teruel.

3, Vaska Federacio: el la provincoj Vizcaya Guipúzcoa, Alava kaj Navarra.

4, Ekstremadura Federacio: el Cáceres kaj Badajoz.

5, Galica Federacio: el la kvar Galicaj Provincoj kaj el tiu de Asturias.

6, Kastila Federacio: el la provincoj de ambaŭ Kastiloj (Nova kaj Malnova).

7, Kataluna Federacio: el Barcelona,

En el lugar de su publicación debe estar la Redacción, compuesta de tres miembros elegidos por el Comité de la Confederación. Toda Federación puede y debe colaborar en él, enviando manuscritos ya revisados por un samideano competente designado por la Federación. Los artículos, necesariamente, han de ir escritos a máquina.

El periódico puede publicar artículos de personas particulares, si la Redacción los juzga dignos de ello.

II

Serán miembros de I. E. K. solamente los de las federaciones esperantistas regionales; por tanto, cualquier esperantista puede pertenecer a I. E. K., haciéndose socio de la Federación de su región.

Para formar una federación es necesario que se junten, por lo menos, dos grupos.

Un grupo lo han de constituir, por lo menos, diez socios.

Se considerará socio de un grupo al que haya pagado, por lo menos, tres cuotas consecutivas.

Los grupos comunicarán a sus respectivas federaciones el movimiento y estadística de sus socios, y, a su vez, la federación transmitirá estos documentos a la Confederación.

III

Las Federaciones existentes, son:

1.ª Federación Andaluza: Compuesta de todas las provincias andaluzas y eventualmente las Islas Canarias.

2.ª Federación Aragonesa: Compuesta de las provincias Zaragoza, Huesca y Teruel.

3.ª Federación Vasca: De las provincias Vizcaya, Guipúzcoa, Alava y Navarra.

4.ª Federación Extremeña: De Cáceres y Badajoz.

5.ª Federación Gallega: De las cuatro provincias gallegas y la de Asturias.

6.ª Federación Castellana: Las provincias de ambas Castillas (Nueva y Vieja).

7.ª Federación Catalana: De Barce-

Tarragona, Lérida kaj Gerona kaj laŭ eble el la Balearaj Insuloj.

8, Nord' Afrika Federacio: el Melilla, Tetuán kaj Larache.

9, Portugalaj Federacioj dependantaj de la formitaj aŭ formotaj Federacioj kaj enskribotaj laŭ la deziroj de la portugalaj esperantistoj.

10. Valencia Federacio: el Valencia, Castellón de la Plana, Alicante, Albacete kaj Murcia.

11. Zamenhofa Federacio konsistanta el esperantistoj kiuj ne apartenas al iu Federacio.

Ĉar kelkaj el la cititaj federacioj ne ekzistas ankoraŭ oni devas klopodi por kiel eble plej baldaŭ ilin starigi, kaj tiam nuliĝos la Zamenhofa pro ne neceso.

La regiono León estas enkalkulita provizore en la Kastila Federacio.

IV

I. E. K. estos reprezentata de sia Komitato kiu konsistos el la Prezidantoj de ĉiuj federacioj kaj el du aliaj membroj, elektitaj ĉe la Konfederacia Kongreso.

La Kongreso decidos kiu federacia Prezidanto estos la Konfederacia Prezidanto kaj kiu persono estos lia anstataŭanto.

La Komitato elektos kiel Sekretarion kaj Kasiston la du membrojn antaŭe cititajn. Oni elektos ankaŭ anstataŭontojn de tiaj funkciuloj.

Ĉi tiuj du aliaj membroj kaj la anstataŭantoj estos nepre el la sama urbo de la Konfederacia Prezidanto, por ke tiamaniere la urĝaj aferoj ne lasantaj tempon por konsulto estu solvataj de tri komitatanoj.

Ĉiuj Komitatoficoj daŭros du jarojn, sed ili estas reelekteblaj.

V

La Konfederacia Komitato havas la taskon realigi la decidojn de la Konfederaciaj Kongresoj.

lona, Tarragona, Lérida y Gerona y, a ser posible, las Islas Baleares.

8.ª Federación del Norte de Africa: De Melilla, Tetuán y Larache.

9.ª Federaciones Portuguesas: Dependientes de las Federaciones ya formadas o que se hayan de formar e inscribir según los deseos de los esperantistas portugueses.

10. Federación Valenciana: De Valencia, Castellón de la Plana, Alicante, Albacete y Murcia.

11. Federación Zamenhof: Compuesta de esperantistas que no pertenezcan a ninguna federación.

Como algunas de las federaciones citadas no existen todavía, se debe procurar establecerlas cuanto antes y entonces se anulará la de Zamenhof por innecesaria.

La región de León está considerada eventualmente en la Federación Castellana.

IV

I. E. K. estará representada por su Comité, que se compondrá de los Presidentes de todas las federaciones y otros dos miembros elegidos en el Congreso de la Confederación.

El Congreso decidirá qué presidente de federación será el Presidente de la Confederación y la persona que le haya de sustituir.

El Comité elegirá como Secretario y Tesorero a los dos miembros citados anteriormente. Se elegirán también sustitutos de estos funcionarios.

Estos otros dos miembros y sus sustitutos necesariamente han de residir en la misma ciudad que el presidente de la Confederación, para que de esta manera los asuntos urgentes, que no dejan tiempo para consultas, sean resueltos, a lo menos, por tres componentes del Comité.

Todos los cargos del Comité durarán dos años, pero serán reelegibles.

V

El Comité de la Confederación tiene la misión de realizar las decisiones de los Congresos confederales.

Por ĉiu decido, kiu devas esti alprenata per absoluta plimulto, oni petos la opinion de ĉiu komitatano per aparta komunikaĵo kaj la plimulto de samaj respondoj ricevitaj dum dek tagoj, estos la decido. Se oni ne atingus tiun absolutan plimulton, oni repetus la opinion nur pri la du pli multenombraj respondoj.

Kiam la Komitato prokrastos pli ol unu monaton la realigon de la Kongresa decido, kiu ajn komitatano povos kunvoki siajn kunkomitatanojn, escepte se la prokrasto estus decidita almenaŭ de du trionoj de la komitatanoj.

Urba sidejo de la Komitato de I. E. K. estos tiu de ĝia Prezidanto.

La Konfederacio, kiam konsideros necese, kreos komisionojn por ĉiu aferoj kaj solvos pri akcepto de federacio. Por forpeli federacion oni bezonos la aprobon de tri kvaronoj el la membroj voĉdonintaj de la aliaj federacioj.

VI

Ĉiu Federacio rajtas plenan liberecon en sia federacia lando. Ĝi povos organizi siajn Kongresojn, eldoni gazetojn, propagandilojn, k. c., laŭ sia bonplaĉo interne de siaj kampoj. La Komitato de I. E. K. agos rekomendante al la federacioj ĉion, kion ili devas zorgi aŭ fari, neniam sin trudante reciproke Konfederacio kaj Federacioj en nepropraj agadkampoj.

VII

Ĉiujare se eble, devos okazi Konfederacia Kongreso en la teritorio de unu el la Federacioj, en sama dato kaj loko kie okazos la Kongreso de tiu Federacio.

La venonta Kongreso estos nomata 3.ª Iberia Esperantista Kongreso kaj inter krampoj «5.ª Diskutanta Kunveno de Iberiaj Esperantistoj» ĉar antaŭ la 1.ª Kongreso de Valencio okazis du preparaj kunvenoj en Barcelona kaj Zaragoza.

La Konfederacia Komitato decidos

Para todo acuerdo, que deberá ser tomado por mayoría absoluta, se pedirá la opinión de cada uno de los miembros por comunicación separada y el mayor número de respuestas iguales, recibidas durante diez días, será la decisión. Si no se obtuviera la mayoría absoluta, se pediría de nuevo la opinión solamente acerca de las dos respuestas más numerosas.

Cuando el Comité retrase más de un mes la realización de algún acuerdo del Congreso, cualquier miembro podrá convocar a sus compañeros, excepto si el retraso hubiere sido acordado a lo menos por dos terceras partes.

Ciudad de residencia del Comité de I. E. K. será la de su presidente.

La Confederación, cuando lo considere necesario, creará comisiones para todos los asuntos y decidirá el ingreso de federaciones. Para expulsar a una federación será necesaria la aprobación por tres cuartas partes de los votos de las otras federaciones.

VI

Toda federación goza de plena libertad en su región. Podrá organizar congresos, publicar periódicos, hojas de propaganda, etc., a su gusto, dentro de sus límites. El Comité de I. E. K. se limitará a recomendar a las federaciones todo cuanto deban cuidar o hacer, pero nunca imponiéndose recíprocamente la Confederación y Federaciones en ajenos campos de acción.

VII

Si es posible, todos los años debe tener lugar un Congreso de Confederación en el territorio de una de las federaciones, en la misma fecha y lugar donde se celebre el Congreso de la Federación.

El congreso venidero se llamará Tercer Congreso Esperantista Ibérico, y entre comillas, «Quinta Reunión Deliberante de Esperantistas Ibéricos», porque antes del primer Congreso de Valencia se celebraron dos reuniones preparatorias en Barcelona y Zaragoza.

El Comité de la Confederación deci-

kiam kaj kie okazos la proksima Iberia Kongreso esperantista.

En tiuj ĝeneralaj kongresoj povas paroli ĉiu partoprenanto, sed la rajto voĉdoni apartenos nur al la rajtigitaj delegitoj de la federacioj.

Ĉiu federacio povas sendi nur unu rajtigitan delegiton.

La voĉdono de ĉiu delegito egalvaloras la nombron de la membroj de lia federacio.

Ĝis kiam la graveco de la esperantista movado permesos efektivigi ĝeneralajn kongresojn estos ĉiujare, se necese, kunvenoj de rajtigitaj delegitoj (unu po ĉiu federacio).

Iliajn voĉdonojn oni kalkulos laŭ supredirita maniero.

VIII

La Konfederacia Kongreso decidos la manieron kiel la federacioj subtenos la Konfederacion.

Ĉiu federacio liveros al la Konfederacio ĉiumonate po 0'35 pesetoj por ĉiu konfederaciano ekscepte la portugalaj federacioj kiuj proponos por si la koncernan pagon. La Federacioj decidos la manieron enspezi tian kvanton el siaj anoj.

Oni autoritatas al la Konfederacia Komitato, akcepti, malakcepti aŭ modifi interkonsente la kvanton pagotan de la portugaloj.

Ĉiu federaciano ricevos sen plia pago la gazetorganon de la Konfederacio.

La grupoj rajtas ricevi de la Konfederacio por la propagando la nombron da ekzempleroj kiun ili juĝos necesa pagante al ĝi la prezon de la eldono ne enkalkulante la kompostadon.

La ekzemplerojn ricevitajn tiamaniere, la grupoj disdonos laŭ sia bontrovo en societojn, bibliotekojn kaj diversajn kunvenejojn.

IX

1.ª La Konfederacio petos de la Portugala kaj Hispana registaroj ĉiujaran

dirá dónde y cuándo ha de tener lugar el próximo Congreso Esperantista Ibérico.

En esos congresos generales podrá hablar todo congresista, pero el derecho a votar queda reservado para los delegados autorizados de las federaciones.

Cada federación podrá enviar un solo delegado autorizado.

El voto de cada delegado vale tanto como número de socios tenga su federación.

Hasta que la importancia del movimiento esperantista permita celebrar congresos generales, todos los años, si es necesario, se harán reuniones de delegados autorizados (uno por cada federación).

Sus votos se contarán según el método antes citado.

VIII

El Congreso Confederal decidirá de qué manera las federaciones han de sostener la Confederación.

Cada federación contribuirá a la confederación mensualmente con 35 céntimos de peseta por cada socio confederal, excepto las federaciones portuguesas que propondrán el pago que les corresponda. Las federaciones verán la manera de cobrar esas sumas de sus socios.

Se autoriza al Comité de la Confederación para aceptar, rechazar o modificar, de acuerdo con los portugueses, la cuota que han de pagar.

Todo socio de federación recibirá, sin nuevo pago, el periódico órgano de la Confederación.

Los grupos tienen derecho a recibir de la Confederación, para propaganda, el número de ejemplares que juzguen necesarios, pagando el precio de edición sin contar el coste de composición.

Los ejemplares recibidos de esta manera serán distribuídos por los grupos, según su discreción, entre las sociedades, bibliotecas y diversos lugares de reunión.

IX

1.º La Confederación pedirá a los gobiernos portugués y español una sub-

subvencion por helpo de la elspezoj de la Centra Komitato.

2.ª La Komitato de nia Konfederacio sieĝos per konstanta metoda bombardado de propagandiloj la urbajn instruistajn Asociojn.

3.ª La Konfederacio per interkonsento kun la eldonejo, se eble, eldonos instruajn librojn, vortarojn k. t. p. por eviti mankon de instruaj libroj.

X

Esperanto estas la sola lingvo uzota de la Konfederacio en siaj internaj rilatoj. Por la ne esperantistoj povos esti uzata ĉiu lingvo, laŭ la okazo logike konsilos.

XI

En okazo de malapero de la Konfederacio, ĝia kaso transdoniĝos al U. E. A.

---

Krom la regularo la Kongreso traktas kaj diskutas la sekvantajn aferojn:

Oni elektas unuanime kiel Prezidanton Sron. Benigno de Luna kaj kiel Sekretarion kaj Kasiston Sinjorojn Vicente Alonso kaj José Perogordo respektive lasante al ili rajton por elekto de iliaj anstataŭantoj kies nomojn la Prezidanto sciigos al la Federacioj.

Oni aprobas kaj aplaŭdas la konduton de Sro. Mangada pri la gazeto *Radio Scienco Popola* ĉar li allogis ĝin al Esperanto kaj oni rekomendas la privatan disvastigon de tia gazeto pro la rilatoj inter ambaŭ ideoj. La Kongreso gratulas la redaktorojn pro ilia favoro al Esperanto.

Oni aprobas laŭ propono de Sro. Mangada danki Sron. Casares pro lia agado en la Ŝtata Ministrejo, sendi al li statistikon pri nia movado, kaj peti de la registaro ke ĝi oficiale organizu en la oficialaj lernejoj la eksperimenton de Eccles, memkompreneble kie ekzistas esperantistaj grupoj. Tiamaniere Sro. Casares

vención anual para ayuda de los gastos del Comité central.

2.º El Comité de nuestra Confederación asediará por constante y metódico bombardeo de propaganda a las asociaciones urbanas de maestros.

3.º La Confederación, si es posible, y de acuerdo con los editores, publicará gramáticas, diccionarios, etc., etc., para evitar la falta de libros instructivos.

X

El Esperanto es la sola lengua que ha de usar la Confederación en sus relaciones internas. Para los no esperantistas se podrá usar cualquier idioma, según la ocasión lo aconseje.

XI

En el caso de desaparecer la Confederación, su caja será transferida a la U. E. A.

---

Además del reglamento, el Congreso trata y discute los asuntos siguientes:

Se elije por unanimidad como Presidente de la Confederación a D. Benigno de Luna, como Secretario y Tesorero a D. Vicente Alonso y D. José Perogordo, respectivamente, concediéndoles el derecho de elegir sus sustitutos, cuyos nombres dará a conocer el Presidente a las federaciones.

Se aprueba y aplaude la conducta del Sr. Mangada con el periódico *Radio Ciencia Popular*, porque lo ha atraído al Esperanto y se recomienda la difusión privada de dicho periódico por la relación entre ambas ideas. El Congreso felicita a los redactores por su actitud favorable al Esperanto.

Se aprueba, a propuesta del Sr. Mangada, dar las gracias al Sr. Casares por sus trabajos en el Ministerio de Estado, enviarle la estadística de nuestro movimiento y pedir al Gobierno que organice oficialmente en las escuelas oficiales el experimento de Eccles, naturalmente donde existan grupos esperantistas. De esta

portos ĉi tiun decidon de la Kongreso al la Konferenco de Ĝenevo.

Oni aprobas laŭ propono de Sro. Maraury peti de la Internacia Kongreso XVIª de Vieno ke ĝi klopodu por ke la Aŭstra Registaro invitu oficiale ĉiujn registarojn sendi al la Kongreso en Vieno esperantistan delegiton difinitan de la nacia esperantistaro.

Oni aprobas la proponon de Sro. Allende: peti de la franca ministro de Publika Instruado la nuligon de la diversaj dekretoj de Leon Bérard kontraŭ Esperanto en Francujo kaj la restarigon de la antaŭaj dekretoj favoraj al Esperanto.

Oni aprobas laŭ propono de la Organiza Komitato la jenon: En okazo de maldeficito en ĉi tiu kongreso: oni donacos 50 pesetojn al LA SUNO HISPANA, 50 pesetojn al la *Esperanta Ligilo* kaj el la resto unu duonon por la Konfederacio kaj la alian duonon por la *Grupo Esperantista* de Bilbao.

Oni decidis konsulti al la Prezidanto de la Akademio pri tio se oni devas diri Iberia Konfederacio aŭ Ibera Konfederacio.

La Kongreso decidis ankaŭ sendi dankan telegramon al Lia Moŝto la Reĝo de Hispanujo, kaj salutan telegramon al Sinjorino Zamenhof kaj al Sro. Privat.

Oni ankaŭ sendos dankajn leterojn al la Deputitaro de Vizcaya pro ĝia monhelpo, morala apogo kaj sendo de delegito al la Kongreso kaj al la Komunumo ankaŭ pro ĝia monhelpo kaj morala apogo.

Oni aprobis laŭ propono de Sro. Allende, danki kaj gratuli la Organizan Komitaton pro la perfekta plenumo de ĝia tasko.

### Literatura konkurso

La rezultato de literatura konkurso estas jena:

UNUA TEMO: Liberelekta beletristikaĵo en prozo. Oni ricevis tri verkojn.

manera el Sr. Casares llevará esta decisión del Congreso a la Conferencia de Ginebra.

Se aprueba, a propuesta del Sr. Maraury, pedir al XVI.º Congreso Internacional de Viena que haga gestiones para que el gobierno austriaco invite oficialmente a todos los gobiernos a que envíen al Congreso de Viena delegados esperantistas, designados por los esperantistas nacionales.

Se aprueba la proposición del señor Allende de pedir al ministro francés de Instrucción Pública la nulidad de los diversos decretos de Leon Bérard contra el Esperanto en Francia y la restauración de los anteriores decretos favorables al Esperanto.

A propuesta del Comité Organizador se aprueba lo siguiente: En caso de superávit en este Congreso, que se concedan 50 pesetas a LA SUNO HISPANA; 50, a la *Esperanta Ligilo* y, del resto, una mitad para la Confederación y la otra mitad para el Grupo Esperantista de Bilbao.

Se decide consultar al Presidente de la Academia si se debe decir *Iberia Konfederacio* o *Ibera Konfederacio*.

El Congreso decide también enviar un telegrama de gratitud a S. M. el Rey de España y telegramas salutación a la Sra. Zamenhof y al Sr. Privat.

También se enviarán cartas de gracias a la Diputación de Vizcaya por su subvención, apoyo moral y envío de un delegado al Congreso, y al municipio, asimismo, por la subvención y apoyo moral.

Según proposición del Sr. Allende se acuerda dar gracias y felicitar al Comité Organizador por el perfecto desempeño de su cometido.

### Concurso literario

El resultado del concurso literario es el siguiente:

PRIMER TEMA: Composición literaria de tema libre en prosa. Se recibieron tres obras.

*Unua premio.*—Sro. Joseph Berger, ĉeĥoslovako loĝanta en Córdoba.

*Dua premio.*—Sro. Luciano Bedarona, el Bilbao.

DUA TEMO: Traduko el la ĉapitroj 8 kaj 9 de *Don Quijote* (unua parto) oni ricevis sep tradukojn.

*Unua premio.*—Sro. Joseph Berger.

*Dua premio.*—Sro. Vicente Inglada, el Madrid.

La aŭtoroj de manuskriptoj gajnintaj, jam ricevis la premiojn. La ne premiitoj povas peti la resendon de iliaj manuskriptoj.

*Premio primero.*—D. Joseph Berger, checoeslovaco, residente en Córdoba.

*Premio segundo.*—D. Luciano Bedarona, de Bilbao.

SEGUNDO TEMA: Traducción de los capítulos 8 y 9 de *Don Quijote* (primera parte). Se recibieron siete traducciones.

*Premio primero.*—D. Joseph Berger.

*Premio segundo.*—D. Vicente Inglada, de Madrid.

Los autores de manuscritos laureados, han recibido ya los premios. Los no premiados, pueden pedir la devolución de sus manuscritos.

---

# Pri la dua Kongreso

En nia lasta numero, ni sciigis niajn legantojn pri la granda sukceso atingita de niaj karaj samideanoj organizintaj la Duan Iberian Esperantistan Kongreson en Bilbao. Pro alveno de la originaloj kiam la gazeto estis jam presata, ne estis eble al ni publikigi ankaŭ la tekston de la regularo aprobita kaj raporton de la decidoj, eĉ ne malgrandan avizon tion anoncantan. Tiel la organiza komitato farinta al ni tian mendon, kiel nia legantaro, bonvole pardonos nian senvolan prokraston.

Ĉi-tiu numero aperigas ambaŭ dokumentojn kaj la nomojn de la aŭtoroj gajnintaj premion en la literatura konkurso. Ni permesas al ni rekomendi al ĉiuj iberiaj esperantistoj tre atentan legadon. Ilia enhavo estas tre simpla, klara, memkomprenebla, sed ni ne devas forgesi ke el ĝia plenumado pendas la unuiĝo de ĉiuj duoninsulaj samideanoj, la unuiĝo faras forton kaj per forto oni venkas, do la sukceso de nia kara Esperanto estos konsekvenco de nia konscia, konstanta, sindonema agado, sub lerta gvidado de nia Konfederacia Komitato kunmetata el harditaj pioniroj de nia sankta idealo.

# Acerca del II Congreso

En nuestro número último, dimos a conocer a nuestros lectores el gran éxito obtenido por nuestros queridos correligionarios organizadores del Segundo Congreso Esperantista Ibérico en Bilbao. Por haber llegado los originales cuando el periódico estaba ya en prensa, no nos fué posible publicar también el texto del Reglamento aprobado y la relación de los acuerdos, ni siquiera un pequeño aviso anunciándolo. Tanto el Comité organizador que nos hizo tal encargo, como nuestros lectores, amablemente perdonarán nuestro involuntario retraso.

En este número aparecen ambos documentos y los nombres de los autores que han ganado los premios en el concurso literario. Nos permitimos recomendar a todos los esperantistas ibéricos su atenta lectura. Su contenido es muy sencillo, claro, comprensible; pero no debemos olvidar que de su cumplimiento depende la unión de todos los samideanos de la Península; la unión hace la fuerza y por la fuerza se vence; por tanto, el éxito de nuestro querido Esperanto será consecuencia de nuestro modo de obrar, consciente, constante y abnegado, bajo la diestra dirección de nuestro Comité Con-

Nun estu permesate al ni fari kelkajn konsiderojn. La tria punkto de la unua ĉapitro estas ekskluzive dediĉata reguligi la eldonadon de presorgano de la Konfederacio, kiel ĉefan ilon por la progresigo de sistema propagando. Tute konsente kun tiu ideo ni memvole ŝarĝis sur niajn ŝultrojn la multepezan eldonadon de La Suno Hispana eĉ plenkonsciante la sentaŭgecon de niaj fortoj, sed ni memoris la profetajn vortojn de nia Majstro «Esperanto jam ne povas morti» kaj ke «eĉ guto malgranda konstante frapante, traboras la monton granitan» tial ni iradas la celitan vojon, imitante la ekzemplon de nia glora antaŭulo Sro. Jiménez Loira, kaj certaj pri tio ke nia humila laboro taŭgos nur kiel ponteto faciliganta la eniron al la venkontaj posteuloj.

Tial ke la vivo de La Suno Hispana jam estas sufiĉe longa kaj ĝia sperto bazita sur multegaj pruvoj, ni konsideras nin devigataj ekdiri nian sinceran opinion pri la lingvo uzota de la presorgano de la Konfederacio. Laŭ ni, ĝi devos esti verkota dulingve kaj presata dukolone, kiel La Suno Hispana. Verdire, la regularo *nur* diras ke oni redaktos ĝin Esperante kaj ĉiu komprenos ke gazeto esperanta devas sin prezenti antaŭ la publiko ornamita per la multvaloraj juveloj de nia senkompara idiomo, sed tio tute ne malhelpas ke flanke de esperanta artikolo aperu ankaŭ ĝia hispana traduko. La afero estas simpla: Kion ni celas? Propagandi, esperantigi. Do, ni ne turnas nin al malnovaj esperantistoj, bone regantaj la lingvon kaj posedantaj abundan bonegan literaturon por satigi ilian esperantemon, sed male ni celas tiujn personojn altiratajn de nia propagando, kiuj timetante la fantomojn de longa aŭ malfacila studado ŝancelas kaj ne kuraĝas eniri en niajn vicojn, aŭ tiujn aliajn, kiuj jam

federal, constituído por enardecidos campeones de nuestro santo ideal.

Ahora séanos permitido hacer algunas consideraciones: El tercer punto del primer capítulo está dedicado exclusivamente a reglamentar la publicación de un periódico, órgano de la Confederación, como medio principal para el progreso de la propaganda sistemática. Completamente de acuerdo con esa idea, nosotros, por propia voluntad, hemos cargado sobre nuestros hombros la pesada publicación de La Suno Hispana, hasta con plena conciencia de la inutilidad de nuestras fuerzas, pero hemos recordado las proféticas palabras de nuestro Maestro «Esperanto ya no puede morir», y que «hasta una pequeña gota golpeando constantemente agujerea los montes de granito»; por eso seguimos el camino trazado, imitando el ejemplo de nuestro renombrado antecesor Sr. Jiménez Loira y seguros de que nuestro humilde trabajo servirá solamente como puentecillo para facilitar a nuestros triunfantes sucesores.

Puesto que la vida de La Suno Hispana es ya bastante larga y su experiencia basada sobre multitud de pruebas, nos consideramos obligados a emitir nuestra sincera opinión acerca del idioma en que se ha de publicar el órgano de la Confederación. Entendemos que debe ser bilingüe e impreso a dos columnas, como La Suno Hispana. En verdad, el Reglamento *solamente* dice que se redactará en Esperanto y todos comprendemos que un periódico esperantista debe presentarse al público adornado con las valiosas joyas de nuestro idioma incomparable, pero esto de ninguna manera impide que al lado de un artículo en Esperanto aparezca también su traducción española. La cosa es muy sencilla: ¿Qué nos proponemos? Propagar, esperantizar. Por tanto, nosotros no nos dirigimos a los antiguos esperantistas, que dominan el idioma y que poseen abundante y selecta literatura para satisfacer su esperantismo, sino, por el contrario, asestamos el tiro hacia aquellas personas atraídas por la propa-

enirintaj, havis malmultan tempon por studi, maloftan okazon praktiki aŭ eĉ ne grandan intereson perfektiĝi; ni ne devas konsideri ilin malbonaj esperantistoj, ne, sed kontraŭe tial ke pli malpli fervore ili estas emaj al nia movado, ni demetu la barilojn, ni larĝe malfermu la vojon por ke la komencantoj, la malfortuloj povu per negrava peno, kun helpo de tuja traduko, tralegi la gazeton, sciiĝi pri la movado kaj diri ĝoje al siaj konatuloj: «jen post tiom da monatoj de facila studo jam mi kapablas legi Esperanton kaj komprenas ĝin, sen ĝena helpo de vortaro; ekimitu min kaj ni praktikos kune tiun belegan lingvon».

Se niaj portugalaj kamaradoj dirus ke samrajte ili dezirus la publikigon esperante kaj portugale, ilia peto estus facile kontentebla kondiĉe ke ili sendus la originalojn ambaŭlingve.

Resume, la antikvaj, kapablaj jam elprovitaj esperantistoj ne bezonas por si propagandan gazeton; ĝi devas esti konstanta, arde flamanta brulego, dissendanta ĉiuflanken fajrerojn por ekbruligi la pajlamasetojn, kiuj glacie dormetas ĉirkaŭe pro manko de tiu eta vivafonto.

M. Caplliure.

ganda, que algo atemorizadas ante el fantasma de un estudio largo o difícil, por incertidumbre no se atreven a entrar en nuestras filas, o a aquellas otras que, habiendo entrado, tuvieron poco tiempo para estudiar, poco frecuente ocasión de practicar o hasta escaso deseo de perfeccionarse; nosotros no debemos considerarles como malos esperantistas, no; por el contrario, puesto que con más o menos fervor se han mostrado inclinados a nuestro movimiento, quitemos nosotros los obstáculos, abramos de par en par el camino para que los que comienzan, los débiles, puedan, sin gran esfuerzo, con ayuda de la inmediata traducción, leer el periódico, enterarse del movimiento y decir gozosos a sus conocidos: «he aquí que al cabo de tantos meses de fácil estudio ya he adquirido capacidad para leer el Esperanto y lo comprendo sin ayuda de enojosos diccionarios; imítame y juntos practicaremos tan hermosa lengua».

Si nuestros camaradas portugueses dijeran que con el mismo derecho ellos desean la publicación en esperanto y portugués, su petición sería fácil de contentar, a condición de que ellos enviasen los originales en ambos idiomas.

En resumen, los esperantistas antiguos, capacitados y ya muy probados, no necesitan para sí un periódico de propaganda; éste debe ser constante hoguera con ardorosas llamas, que envíe sus chispas en todas direcciones para incendiar los montoncitos de paja, que dormitan glacialmente alrededor por falta de esa pequeña fuente de vida.

M. Caplliure.

# La ligna ĉevaleto

Permesu al mi rakonti pri mia unua malĝojo:

Okazis foje, kiam mi ĵus finis mian kvaran jaron, ke mia patro donis al mi malgrandan, blankan, lignan ĉevaleton.

# El caballito de madera

Permitidme que os cuente algo sobre mi primer disgusto.

Cierta vez, cuando yo apenas había cumplido mis cuatro años, mi padre me trajo un pequeño y blanco caballito de madera.

Pro ĝi mi multe ĝojis. Portante ĝin brake la tutan tagon mi gaje kursaltis. Vespere mi enlitigis ĝin apud mi sub la litokovrilo.

Proksime al ni loĝis najbaro, kiu havis du filojn, Edvardo kaj Teodoro. Kune kun tiuj ĉi filoj mi tre ŝatis ludi. Tial do mi la sekvintan tagon kuris al la najbaro, por montri mian karan, belan ĉevaleton.

Post iom da tempo mia pli maljuna ludokamarado Edvardo proponis novan, pli interesan ludon. Li proponis ludi «buĉadon». Li proponis buĉi mian ĉevaleton. «Ĉi tio», li diris, «estas la plej nova amuzaĵo».

Mi naive konsentis pri lia ruza propono.

Dum unu minuto Edvardo per granda hakilo dispecigis la ĉevaleton kaj diris triumfe: «Jen, tioma amaso da viando!»

Nun mi komprenis, kio okazis. Nun tro malfrue. Kaj miaj larmoj fluis torente. Dume miaj kamaradoj moke ridante frapis siajn genuojn, por montri al mi sian malican ĝojon. Kun grandega doloro mi kolektis la pecojn de mia kara ĉevaleto en mian malnovan ĉapon kaj reiris hejmen.

Tiuj larmoj estis la plej maldolĉaj kiujn mi verŝis dum mia tuta vivo. Mi estiĝis matura homo. Mi vidis mian plej bonan rajdĉevalon morti en ĉevalejo. Mi preskaŭ ekĝemis. Mi klopodis pri amatino kaj ricevis rifuzon. Bagatelo! Mi preskaŭ ne ekploretis.

Sed tiam, kiam mi estis kvarjara, tiam mi ploregis pri la perdita amiko.

La tempo sanigas vundojn. Tamen ekzistas vundoj, kiuj ne facile saniĝas. Edvardo kaj mi estiĝis maljunaj viroj. Ni ambaŭ havas jam grizajn harojn. Liaj es-

¡Cuánto gocé yo contemplándolo! Todo el día lo llevé en brazos, corriendo y saltando alegremente con él, y por la noche lo acosté en mi cama, junto a mí, y con sumo cuidado lo tapé con la cubierta de la cama.

Próximo a nuestra casa, vivía cierto vecino que tenía dos hijos, Eduardo y Teodoro, con quienes solía jugar yo muy a gusto. Así es que, al siguiente día, corrí a la casa de mis vecinos para enseñarles mi querido y hermoso caballito.

Después de algún tiempo, mi compañero de juego Eduardo, que tenía más edad que yo, me indicó un nuevo y más interesante juego. Me propuso jugar a «sacrificar animales». Me propuso descuartizar a mi caballito. «Esta—dijo él—es la diversión más nueva».

Yo, inocentemente, consentí a su astuta proposición.

Durante un minuto Eduardo, valiéndose de una gran hacha, despedazó el caballito y dijo triunfante: ¡He aquí un montón de carne!»

¡Entonces comprendí yo qué es lo que había ocurrido! ¡Entonces, cuando ya era demasiado tarde y las lágrimss afluyeron a mis ojos como un torrente!

Mientras tanto mis camaradas, cogiéndose y golpeándose las rodillas, se reían a carcajadas demostrándome su pérfido gozo.

Con grandísimo dolor recogí los pedazos de mi querido caballito en mi vieja gorra y volví tristemente a mi casa.

Aquellas lágrimas fueron las más amargas que he derramado en toda mi vida. Ya soy un hombre maduro.

Yo vi a mi mejor caballo de montar morir en la cuadra, y casi lloré. Yo amé, sufrí y suspiré por una amada y recibí desprecios. ¡Bagatela! Casi ni lloriqueé.

Pero entonces, cuando yo tenia cuatro años, entonces lloré y sollocé por la pérdida del querido amigo.

El tiempo cura las heridas. Sin embargo, existen ciertas heridas que no se curan tan fácilmente. Eduardo y yo hemos llegado a ser hombres viejos, am-

tas plej grizaj, kromprenehle. Dum la tuta vivo ni ne estis plu amikoj. Malofte ni salutas unu la alian. Li plej malofte, komprenehle. Dum multaj jaroj ni ne parolis kune eĉ unu vorton. Ni ambaŭ suferis longajn, longegajn jarojn.

Antaŭ kelkaj jaroj Esperanto atingis nian vilaĝon. Aperis en semajna gazeto esperanta kurso. Mia najbaro Edvardo komencis studi. Mi ankaŭ. Neniu el ni sciiĝis pri la faro de l' alia. Post kelkaj monatoj mi komencis laŭte elparoli esperantajn vortojn. Ankaŭ li, sed li malpli ĝuste ol mi, komprenehle.

Jen iutage mi aŭdis, ke mia najbaro, starante antaŭ sia pordo, ekzercas: «Peco, peso, pezo, peko, peto...»

Tuj mi laŭtvoĉe salutis lin esperante, samideane.

Baldaŭ ni stariĝis antaŭ la alta barilo inter niaj kortoj, salutante, parolante kaj kantante unu al la alia tra la barilo. Nun denove ni vivas, spiras, amas...

Mia filo kaj lia filino ĵus fianĉiĝis. Edvardo kaj mi benis ilin ambaŭ samtempe. Sed ni obstine uzas inter ni nur Esperanton, la lingvon de paco kaj amo.

*David Karlsson*, Godegard (Svedujo).

bos tenemos el cabello gris, él más que yo, por razón de la edad. Durante toda la vida ya no fuimos más amigos. Rara vez nos saludábamos. Él más de tarde en tarde que yo, como es natural. Durante muchos años, nosotros no hablamos juntos ni una sola palabra. Ambos hemos sufrido largos, larguísimos años.

Hace algunos años el idioma internacional Esperanto alcanzó a nuestro pueblecillo. Apareció en una revista semanal un curso de Esperanto. Mi vecino Eduardo comenzó a estudiar. Yo también. Ninguno de los dos supo nada del estudio del otro. Después de algunos meses, yo empecé a decir en voz alta algunas palabras en Esperanto. Él también, pero con más dificultad que yo.

Y he aquí que un día oí que mi vecino, estando ante su puerta, se ejercitaba: «Peco, peso, pezo, peko, peto...»

Yo en seguida, y en alta voz, le saludé en Esperanto, como un camarada...

Pronto hicimos para encontrarnos frecuentemente delante del paredón que dividía nuestros corrales, saludándonos, hablando y cantando alegremente. Ahora de nuevo vivimos, respiramos, amamos...

Mi hijo y su hija en seguida se hicieron novios. Eduardo y yo los hemos bendecido a la vez. Pero desde entonces, entre nosotros, sólo y exclusivamente, usamos el Esperanto, la lengua de la paz y del amor.

Traducido al castellano por
ERNESTO PÉREZ,
*Alumno de primer curso.*

---

# Ekzamenoj pri Esperanto en Badajoz

Laŭ sciigas la loka gazetaro efektiviĝis kun granda soleno, en la festsalono de Metiista Liceo, la ekzamenoj pri internacia helpa idiomo Esperanto, pruvante ĉiuj ekzamenataj lernantoj tiom ilian grandan kapablecon, kiom la facilan taŭ-

# Exámenes de Esperanto en Badajoz

Según informa la prensa local, con gran brillantez tuvieron lugar, en el salón de actos del Liceo de Artesanos, los exámenes del Idioma auxiliar internacional Esperanto, demostrando todos los alumnos examinados una gran capacidad

gecon kiun posedas tiu-ĉi idiomo eĉ por mezgrandaj mensoj.

Finiĝinte la ekzamenoj, lernanto Sro. Delgado legis spritajn ŝlipojn rilatantajn la celon de Esperanto.

Sinsekve parolis la estro de administra fako de unua instruado.

Tuj poste faris resumon Sro. Almada, kiu per elokventaj kaj trafaj paragrafoj sciis elmontri la nepran neceson de internacia interkomprenilo, kaj por tio neniu alia kiel Esperanto pro ĝia riĉa leksikono kaj facila lernado, krom tio ke ĝi posedas la avantaĝon de la neŭtraleco, ĉar estas idiomo apartenanta al neniu difinita lando.

Fine oni kantis esperantan himnon, stare kaj religie aŭskultitan de la vere multenombra ĉeestantaro.

Resume, plia sukceso por la Liceo, organizanto de tiuj-ĉi klasoj.

Ni aldonas nian entuziasman gratulon al multegaj ricevitaj de la Direktanta komitato, profesoro Sro. Ludoviko Campos Suay kaj lernantoj Sroj. Córcoles, Vázquez, Rando, Asensio, Mamajon kaj Delgado.

y aprovechamiento, a la vez que la facilidad de adaptación que tiene este idioma aun para las más medianas inteligencias.

Terminados los exámenes, el alumno Sr. Delgado leyó unas inspiradas cuartillas alusivas a los fines que se propone el Esperanto.

A continuación hizo uso de la palabra el jefe de la Sección administrativa de Primera enseñanza.

Acto seguido hizo el resumen el señor Almada, quien, en elocuentes y felices párrafos, supo demostrar la imperiosa necesidad de un medio de comprensión internacional, y ninguno como el Esperanto para ello, por su rico léxico y fácil aprendizaje, amén de poseer las ventajas de la neutralidad, por no ser el idioma de ningún país determinado.

Finalmente se cantó el himno esperantista, religiosamente escuchado de pie por todas los asistentes al acto, que se vió concurridísimo.

En resumen, un éxito más para el Liceo, organizador de estas clases.

Unimos nuestra entusiasta felicitación a las muchas que recibió la Junta directiva, profesor D. Luis Campos Suay y alumnos Sres. Córcoles, Vázquez, Rando, Asensio, Mamajón y Delgado.

---

# II-a Interŝtata Universala Polica Kongreso Esperantista

### Wien, 28—31 aŭgusto 1924

En la pasinta jaro fondiĝis en Nürnberg la *Tutmonda Polica Ligo* dum la I-a interŝtata universala polickongreso. Malgraŭ la malfacilaj politikaj kaj ekonomiaj rilatoj 9 ŝtatoj estis tie reprezentataj per multnombra kolegaro. De tiam la juna, sed forta, tute senpolitika fakligo disvastiĝis en la mondo. Nuntempe ekzistas sur 4 kontinentoj en 178 urboj ligaj

# II Congreso Universal de policías Esperantistas

### Viena, 28 al 31 agosto 1924

En el pasado año se fundó en Nurenberg la *Liga Policíaca Universal*, durante el primer congreso internacional de Policía. A pesar de la dificultad de las relaciones políticas y económicas, nueve Estados fueron allí representados por numerosos colegas. Desde entonces la joven, pero fuerte, liga ajena a toda política se difundió por el mundo. Actual-

grupoj kaj membroj. La ligo celas ebligi la kunfratiĝon de la kolegaro policfaka tutmonda por tiel obligi la nuntempe necesegan unuecan evoluiĝon de la polico. Samtempe la ligo volas efektivigi diversajn policajn sociajn, ekonomiajn kaj bonfarajn instituciojn kaj aranĝojn. Kiel speciala aranĝo de la ligo kaj ĝiaj kongresoj devas esti nomata la grava fakto, ke la ligo solvis jam la tre malfacilan kaj ĉiam malhelpantan lingvan problemon. Nome, nuntempe ne estas plu eble kaj nenia nacio plu permesus kaj tolerus tion, ke ĝia nacia propra lingvo estu subpremata per aliaj naciaj lingvoj.

Tiu ĉi fakto kaŭzis tion, ke la nuntempaj kongresoj estas preskaŭ ĉiuj senfruktaj kaj neniam oni spertis tiel grandgrade la *Babilonan Turon* kiel nun. Ĉiu parolas—tute nature—sian propran lingvon kaj la naoso ĉiam pligrandiĝas. La polico estas tiu institucio, kiu bezonas tujan disponeblecon, ĉar ofte de sekundoj dependas la sukceso aŭ malsukceso. La multlingveco grave ĝis nun malhelpis la polican funkciadon, ne parolante pri tio, ke homoj, kiuj diverslingve parolas, unu kun la alia neniam povas fariĝi vere kunfratiĝantaj komprenantoj. La *Tutmonda Polica Ligo* sukcese propagandas pro tiuj ĉi gravaj kaŭzoj *Esperanton* kiel oficialan polican interrilatlingvon. Jam en la pasintjara policĉefa kongreso en Wien montriĝis la rezultato, ĉar tiu ĉi kongreso oficiale decidis priesplori Esperanton.

La provizora programo de la dua interŝtata universala polica kongreso estas jena:

### Programo

1. Salutparolado de A. H. de Marich, ĝenerala direktoro de la Tutmonda Polica Ligo, estinta prezidanto de la unua internacia universala polica kongreso en Nürnberg 1923.

mente existen en cuatro continentes y en 178 ciudades grupos y miembros de la liga. Ésta tiene por finalidad facilitar la confraternidad entre los colegas policíacos de todo el mundo, para hacer así posible la tan necesaria evolución unificada de la Policía. Al mismo tiempo, la liga pretende realizar diversas instituciones y organizaciones policíacas, sociales, económicas y benéficas. Como especial actuación de la liga y sus congresos debe citarse el hecho importante de que aquélla solucionó ya el muy difícil y siempre enojoso problema lingüístico. Concretando, hoy no es ya posible y ninguna nación puede ya permitirlo, que su propia lengua nacional sea humillada por otras lenguas nacionales.

Este hecho ha sido causa de que los congresos actuales sean casi todos infructuosos y nunca se han experimentado en mayor grado que ahora los efectos de la *Torre Babilónica*. Cada cual habla —muy naturalmente—su propia lengua, y el caos siempre aumenta. La policía es una institución que necesita de disponibilidades inmediatas, porque con frecuencia depende de segundos el éxito o el fracaso. La diversidad de lenguas ha dificultado gravemente hasta ahora la función policíaca, no hablando de que, hombres que usen diferentes lenguas entre sí, nunca pueden comprenderse bien y confraternizar. La *Liga Policíaca Universal* propaga con éxito por estas graves causas el *Esperanto*, como lengua oficial, para las relaciones entre la Policía. Ya, durante el congreso de los jefes de policía del año pasado en Viena, se apreció el resultado, pues este congreso acordó oficialmente adoptar el Esperanto.

El programa provisional del segundo congreso universal de policía es el siguiente:

### Programa

1. Discurso de salutación de A. H. de Marich, director general de la Liga Policíaca Universal, presidente que fué del primer congreso internacional universal de policía en Nurenberg, 1923.

2. Solena malferma parolado de J. Schober, polica prezidanto de Aŭstrujo, ĝenerala prezidanto de la Tutmonda Polica Ligo.

3. Salutparoladoj de la estraroj de la urbo Wien kaj de la ŝtato Aŭstrujo.

4. Salutparoladoj de la diverslandaj kaj diversurbaj ligaj delegitoj.

5. Prelego de la protokolo de la unua kongreso (A. Pohle, Dresden, liga vicdirektoro).

6. Oficiala raporto pri la stato de la ligo. A. H. de Marich.

7. Neceseco de la polica organizaĵo tutmonda: P. Beier, Plaŭen registara konsilisto, liga vicprezidanto.

8. Propagandaj aferoj. Sistema organizigo de la porliga propagando (grupaj raportoj, gazetservo, kursoj, lokgrupa organizaĵo).

9. Prelegado pri la higiena polico J. Frenzel (Linz).

10. Prelegado pri la nederlanda polico. K. W. Wijk (Leiden).

11. Prelegado pri la hispana polico. L. Santamarina (Barcelona).

12. Prelegado pri la aŭstra polico. Fr. Hirz (Wien).

13—15. Eventualaj proponoj kaj referatoj.

16. Elektoj de novaj landaj prezidantoj de la ligo kaj de la aliaj funkciantoj.

18. Elekto de la venontjara kongresurbo. Oficialaj invitoj, voĉdono.

18. Solena fermo de la kongreso.

### Sciindajoj

I. Ciu liga membro estas petata traduki ĉi tiun invitilon nacilingve kaj prezenti al la lokaj kaj landaj policfakĉefoj, al la estraro de la lokaj kaj landaj policaj ligoj kaj al la redakcioj de ĉiuj landaj policfakaj gazetoj.

Oni petu la delegadon de oficialaj reprezentantoj kaj petu la publikigon de ĉi

2. Solemne discurso de apertura de J. Schober, presidente de policía de Austria, presidente general de la Liga Policíaca Universal.

3. Discursos de salutación de las autoridades de la ciudad de Viena y del Estado de Austria.

4. Salutaciones de los delegados de las ligas de diversas naciones y ciudades.

5. Lectura del acta del primer congreso (A. Pohle, Dresden, subdirector de la liga).

6. Memoria oficial sobre el estado de la liga. A. H. de Marich.

7. Necesidad de la organización universal de policía: P. Beier, Plaŭen, consejero del gobierno, vicepresidente de la liga.

8. Asuntos de propaganda. Sistema de organización de la propaganda para la liga (memorias de los grupos, servicio de prensa, cursos, organización de grupos locales).

9. Ponencia sobre la higiene policíaca. J. Frenzel (Linz).

10. Ponencia sobre la policía holandesa. K. W. Wijk (Leiden).

11. Ponencia sobre la policía española. L. Santamarina (Barcelona).

12. Ponencia sobre la policía austriaca. Fr. Hirz (Viena).

13—15. Proposiciones e informes eventuales.

16. Colecciones de nuevos presidentes nacionales de la liga y de los demás cargos.

17. Elección de la ciudad del congreso para el año próximo. Invitaciones oficiales, voto.

18. Solemne clausura del congreso.

### Advertencias

I. Se ruega a todos los miembros de la liga traduzcan esta invitación en lengua nacional y la presenten a los jefes de las secciones de policía locales y nacionales, a los de las ligas policíacas y a las redacciones de todas las revistas de policía del país.

Solicítese la delegación de representantes oficiales y pídase la publicación de

tiu invitilo. Samtempe oni verku gazetsciigon pri nia kongreso kaj aperigu ĝin en la plejĉefaj ĉiutagaj ĵurnaloj kun la aldono de ĉi tiu rimarko, ke ĉiu, policestro kaj fakfrato, kiu ne ankoraŭ ricevis invitilon, povas ĝin ricevi aŭ de nia centro (aldonu la adreson), aŭ de nia loka membro (aldonu la precizan adreson).

II. Ciu dezirante partopreni sin anoncu ĉe nia Wien-a loka kongreskomitato: Fr. Hirz, polica distriktinspektoro, prezidanto de la liga loka polica grupo, Wien XVIII, Schopenhaŭerstrasse n-o 60., IV—17 (Aŭstrio).

III. Ciu partoprenanto, kiu deziras, povos ricevi senpagan loĝejon kaj malmultekostan nutradon. Vojaĝfavoroj laŭ plipostaj sciigoj.

IV. Pri sciencaj, fakaj kaj amuzigaj aranĝoj, ekskursoj k. t. p. informos decatempe plipostaj sciigoj.

V. Ciu helpu laŭpove per nominda sumo per la loka kongresa komitato nian kongreson. Varbu novajn membrojn!

TUTMONDA POLICA LIGO
Centra oficejo:
Budapest, IX., Üllöi-ut 59. IV. 8 (Hungarujo).

esta invitación. Al mismo tiempo publíquense en la prensa anuncios de nuestro congreso, haciéndolos aparecer en los principales diarios, añadiendo que todo jefe o compañero que no haya recibido aún la invitación, puede recibirla o de nuestro centro (añádase la dirección), o de nuestro miembro local (dígase su dirección precisa).

II. Todo el que desee adherirse, anúnciese a nuestro comité local del congreso en Viena: Fr. Hirz, iuspector de distrito, presidente del grupo local de la liga de policía, Viena XVIII, Schopenhaŭerstrasse, n.º 60, IV—17 (Austria).

III. Todo adherido, que lo desee, puede recibir alojamiento gratuito y alimentación muy barata. Viaje a precios reducidos, según noticias posteriores.

IV. Respecto a organización de actos científicos, especialidades y diversiones, excursiones, etc., se informará luego oportunamente.

V. Cada cual ayude, según sus fuerzas, con la cantidad posible al Comité local de nuestro congreso. ¡Atraed nuevos miembros!

LIGA UNIVERSAL DE POLICÍA
Oficina central:
Budapest, IX., Ulloi-ut 59. IV, 8 (Hungría).

# SCIIGOJ

En la unuaj tagoj de tiu ĉi monato la *Gaceta de Madrid* publikigis reĝan ordonon de la Ministro de publika Instruado per kiu estis nomata oficiala delegito de la hispana registaro ĉe la XVI-a Universala Kongreso de Esperanto en Wieno, nia lerta pioniro Sro. Julio Mangada, Infanteria Komandanto, el Madrido.

---

El Valencio ankaŭ eliris por partopreni la Kongreson de Wieno nia karega amiko kaj kunredaktoro, *animo* de LA SUNO HISPANA, Sro. Andrés Piñó, al kiu ni deziras samajn bonsukcesojn kaj feliĉan vojaĝon, bedaŭreginte ne povi akompani lin.

# NOTICIAS

En los primeros días de este mes la *Gaceta de Madrid* publicó una real orden del Ministro de Instrucción pública, por la que se nombraba delegado oficial del gobierno español en el XVI Congreso Universal de Esperanto en Viena, a nuestro competente campeón D. Julio Mangada, Comandante de Infantería, en Madrid.

---

De Valencia también salió para tomar parte en el Congreso de Viena nuestro queridísimo amigo y compañero de redacción, *alma* de LA SUNO HISPANA, don Andrés Piñó, a quien deseamos los mismos éxitos y un feliz viaje, sintiendo mucho no poderle acompañar.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA